„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria** „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio**

Jarabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio ŝ 4.60, pagebla ankaŭ en partpagoj (1/2 j. ŝ 2.35, 1/4 j. ŝ 1.20), aliaj landoj sv. fr. 3.75; **ponumere** 45 g (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. **Redakcio kaj administracio:** Wien I. Neue Burg (Tel. R27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

N-ro 3 (118 en la vico). | Wien, la 5. de marto 1935. | 12. jaro

## La estonto estas nia.

Kiu estas la mistera forto, kiu kunigas la esperantistojn malgraŭ ĉio kaj ĉio?

Jen demando, kiu sin prezentas ĝuste ankaŭ al tiuj el la esperantistaro, kiuj per propra volo aŭ konfido de la samideanaro okupas iun gvidan respondecplenan lokon en la organizacio, plagataj per laboro kaj peno, ili ofte ankaŭ eldiras, ke la forton de Esperanto atestas la fakto, ke Esperanto vivas kaj prosperas malgraŭ la esperantistoj. Kaj saman eldiron faras ankaŭ tiuj, por tiel diri, pure »spiritaj« samideanoj, kiuj, flanke de ĉiuj organizaj devoj kaj malestimantaj la organizajn laborojn' havas antaŭ siaj okuloj nur »la puran idealon«, kiu ja tamen ne pendas en la aero, sed kiu devas radiki en la koro de homoj, esperantaj, ke la idealo realiĝu sur nia tero.

Jes ja, se ni pripensas niajn multajn kunvenojn ĉiutagajn en lokaj grupoj kaj societoj, en kiuj ĉie sur la tero fidelaj samideanoj ekzercas la lingvon, diskutas pri niaj idealoj, interamikiĝas kaj flegas tiun senton de granda rondo familia, ni povas esti fieraj. Tamen kelkfoje, se ni pripensas la malfacilaĵojn kaj barojn de efika, centrita kunlaboro, se ni pripensas la malforton, malperfektecon, vantemon, obstinon kaj ammankon de niaj koroj, — jen kelkfoje ni laciĝas, perdas la esperon kaj inklinas, forlasi la esperantismon.

Ĉi tiu psika stato estas fremda al tiuj multaj, kiuj iam aĉetis lernolibron, kiuj iam vizitis kurson, kiuj iam partoprenis manifestacion, sed kies pensojn, volon kaj koron neniam enpenetris la esperantismo. Tiom pli bone konas ĉi tiun animstaton, ni, tiuj esperantistoj, kiuj estas ĉenataj al Esperanto kvazaŭ per feraj ringoj, kiujn kaptis Esperanto kiel malsano, kiujn presekutas Esperanto ĝis la obskuraj regionoj de iliaj sonĝoj kaj febraj fantazioj.

Kio do estas ĉi tiu mistera forto, kiu regas la esperantistojn kaj regas ilin malgraŭ kaj ĉio? . . .

La ideo de Esperanto ŝajnas esti kontraŭ ĉiuj fortoj, kiuj formas nian tempon: jen tiu senlima egoismo de la unuopaj popoloj, tiu naciismo troigita ĝis frenezo, tiu manko de solidareco inter homo kaj homo, grupo kaj grupo, ŝtato kaj ŝtato, tiu danĝera histerio de la amasoj!

Kiu ne kontentiĝas observi nur la supraĵan aspekton de nia tempo, tiu tamen povas ekkoni, ke ĝi estas la idearo de la pasinteco kaj ne de la estonteco. Ĉiam la regantaj ideoj de nia epoko unue ekkaptas la pensojn de la gvidaj kapoj kaj poste malrapide enpenetras la pli larĝajn tavolojn de la socio. En nia tempo do, dum la amasoj en diversaj nacioj ankoraŭ plene estas regataj de la frazaĵoj kaj la fortoj de tiu naciismo troigita, jam la grandaj okazintaĵoj montras, ke nia epoko ne estas plu regata de t i u nacia ideo.

La ideo, laŭ kiu la venontaj evoluiĝoj en Eŭropo estos formataj, estas la i d e o d e l a ŝ t a t o, kiu ja estas la »perfekta socio«. Ni memoru nur la kontrakton inter Germanujo kaj Polujo, kiu por dek jaroj forigis la naciajn batalojn kaj malamon inter la germanuja kaj pola ŝtato, kontrakto, kiun Hitler certe same sincere faris kiel Pilsudski, kaj kiun antaŭaj registaroj en Germanujo ne estas povintaj riski. Ni memoru la lastaŭtunan paroladon de Mussolini, en kiu li en solena formo parolis pri la italaj civitanoj de Svislando, kies limon Italujo ĝuste pro la gloro de la nacio neniam tuŝos. Ni memoru ankaŭ, ke la sendependeco kaj suvereneco de Aŭstrio baziĝas sur la i d e o d e l a ŝ t a t o, de dua germanlingva ŝtato.

Ni bone komprenu kaj estimu la nacian estadon. Ĉiu el ni estas ligita al sia nacio per sango kaj destino, prapatroj kaj infanoj, lingvo kaj pensmaniero. La nacio estas unu el la plej altaj propraĵoj, donitaj al la homo. La nacio estas kvazaŭ la pligrandigita familio en kiu ĉiu el ni naskiĝis, vivas kaj mortas.

Sed la nacio, la familioj, la unuopaj homoj ne povas vivi ekster la kadro de la ŝtato. La ŝtato ja garantias, ke inter la homoj kaj homgrupoj regu justeco, ke la konfliktoj inter ili estas solvataj ne per mortigaj bataloj, sed en jura, p a c a formo.

Same do kiel en unu ŝtato la unuopaj ŝtatanoj devas sin submeti sub la juĝo de ŝtata justeco (gloron al la ŝtato, kies membroj sin volonte kaj lojale submetas!), tiel estas eble, ke iam ankaŭ estos solvataj la konfliktoj inter la diversaj ŝtatoj. Do ne en tiu por homoj maldeca, barbara kaj kruela maniero, ke unu ŝtato mortigas kaj ekstermas la popolon de la alia. Sed en tiu maniero, ke ankaŭ super la ŝtatoj regu leĝoj kaj justeco, laŭ kiuj estu ordigataj iliaj konfliktoj.

Jen tiu ideo devas ne esti nebula, sensanga, griza fantomo, ne povanta entuziasmigi la amason. La superŝtato, la i m p e r i o estas sopirata en la nacioj depost jarmiloj, kaj la historio montras al ni multajn provojn, ke tiu sopiro jam kelkfoje komencis realiĝi.

Tiu ideo ne estas forpensebla el la socia naturo de la homo, al kiu ĝi esence apartenas. Kaj la evoluiĝo de la lastaj jardekoj kaj jaroj montras, ke ĝi restas la sola savo antaŭ la memmortigo de la tuta homaro. Tiu Eŭropa imperio, kiu certe iam estos realaĵo kaj kiu estos iam monda imperio,

sole garantios, ke la unuopaj nacioj grandaj kaj malgrandaj povos vivi en paco, honoro kaj libereco. Kaj tiuj popoloj estos la gvidaj, kiuj plej bone komprenos la alvokon de la destino.

Jen, la mistera forto, kiu regas, subkonscie la esperantistojn. Kaj se ni ofte ridetas pri la granda seriozeco, per kiu la esperantistoj traktas siajn aferojn, kvazaŭ ili estus ŝtataj aferoj, kvazaŭ iliaj estraroj estus ministerioj de suverenaj ŝtatoj —, en ĉio ĉi evidentiĝas ankaŭ, ke la esperantistoj, ordigantaj siajn aferojn, havas la sekretan senton, ke tiu ne rilatas nur la konŝancon de iu societo inter centaj aliaj, ke ne nur temas pri lingvaj demandoj kaj gramatikaj ludoj, sed ke la esperantismo apartenas al la spiritaj fortoj, kiuj formos la estontecon.

Nikolao Hovorka

## Marto.

(El „Ama Kalendaro“ de „Wachauer Vagantenrevier“ de V. O. Ludwig. Reinhold-Verlag.)

Se bruas marta vento,
La sun' ekvekas ĉarmon,
Am' pro duona pento
Ridante verŝas larmon
Ploregas ĝi, se nokt-malvarm'
Esperon trompis pri la ĉarm'



## Informetoj.

**„Esperanto in Deutschland“**, Reichsmitteilungsblatt der Neuen Deutschen Esperanto-Bewegung (NDEB), 8-paĝa en germana lingvo, ekaperis en septembro 1934. Propagandocentro: Gewerbe-Oberlehrer Pg. Albrecht Naumann, Grossenhain, Saksujo.

**Vic.** E-grupo en Vic eldonis belan 6-paĝan faldprospekton kun multkoloraj bildoj. Mendu ĉe „Sindicat de Turisme“, Vic, Hispanujo.

**Aŭstria Vespero en Nederlando.** La nederlandaj E-grupoj aranĝis dum decembro „Aŭstrian Vesperon“ kum lumbildoj kaj tiamaniere faris grandan propagandon per Esperanto. Ni Aŭstrianoj dankas kore!

**Radiotelefona Stacio de Lyon-la-Doua, Francujo**, dissendis novjar-gratulojn en du lingvoj kune, en franca kaj Esperanto.

**Rigi-First**, sporta kaj familia hotelo, Rigi (Vierwaldstättersee), Svisujo, 1460 m super la maro, invitas per belegaj 8-paĝaj gvidfolioj al vizito. La posendanto estas esp.-isto.

**Bulteno de Esperanta Asocio de Rosario**, Argentinio, elvenis en nov. 1934.

**Sovjetunia Tutunuiĝa Akademio de Sciencoj** eldonis adreslibron sub la titolo „La sciencaj laboristoj de Leningrad“, en kiu estas menciita la nomo de s-ano Vladimir Vladimirovič kun la rimarko, ke li **„laboras por la uzado de Esperanto en la scienco“.**

„Tempo“, librejo Kaniya, Teramati Ebisugawa, Kyoto, Japanujo, 1 Jeno jare. **Monata gazeto, 8-paĝa, nur E-lingva, novaperis.**

**Komerco.** Granda entrepreno „Les Tissages Français“, Boulogne s. M., per E-leteroj diskoniĝas, ke ĝi ekfabrikigas serie standardojn esperantistajn, tute similajn al tiu, kiu estis kreita kaj aklamita la 9. de aŭg. 1905 ĉe la Unua Kongreso. Prezo 39 fr. fr. plus afranko.

**Bona propagandilo.** Firmo Ferdinand Moser, Wels, O. Oe., presigis sur la adresflanko de siaj komerc-korespondkarto „Lerne unterstütze Esperanto“ (Lernu kaj helpu E-on).

Tutmonda Florekspozicioj en Heemstede apud Haarlem, Nederlando (15. ma to — 15. majo 1935) invitas per 6-paĝa E-varbilo al vizito.

**„Detur“**, granda turisma societo en Warszawa, Sienna 4, favorigas Esperanton kaj disponigas siajn servojn. Esp.-istoj en turismaj societoj skribu al ili.

**Novaj gazetoj:** „La Suno“, red. Ĉe J. Ogasaŭara, Tojohara-ĉo, Uakajama-ŝi, Japanujo (okt. 1934), 8-paĝa, inkvarto.

**„Agrablaj horoj por junaj esperantistoj“** nomiĝas 8-paĝa malgrandformata eldonaĵo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esp. en Veendam Nederlando (P. Korte, Schoolstr. 13), kiu nun aperos 6-foje jare.

## Sonoj kaj resonoj el la Esperanta Gazetaro.

Redaktas: D-ro Emil Pfeffer.

„Dum la milito ni suferis tiajn perdojn, ke la duan fojon ni ne povas riski tiajn sango-perdojn.“

Gubernatoro Horthy

„Esperanto en signo de la Krista amo povas fariĝi la plejgranda bonfaro por la homaro.“

Ĉefepiskopo grafo Julio Zichy

„Hungara Heroldo“-Budapest, febr. 1935.

. . . „Mi elkore ĝojis, kiam la prepara komitato por la Internacia Esperanto-Konferenco faris al mi la proponon inviti tiun Konferencon al Vieno. Mi ankaŭ volonte estis preta helpi tiun aferon pere de la koncerna, al mi submetita fako, por ke Vieno denove fariĝu centro de la internaciaj kulturceladoj.“

El la radio-parolado de ministro Fritz Stockinger (11. IV. 1934), tut-amplekse publikigita en „Kantona Esperanto-Gazeto“, Kanton, Ĥinujo (Vol. I., n-ro 5).

**Deziresprimo**, voĉdonita de la urba konsilantaro de Châteaurenard, Francujo, dum la kunveno de la 24. de dec. 1934.

„La urba konsilantaro, konsiderante, ke unu lingvo universala permesus al la homoj kompreni sin reciproke en ĉiuj lokoj de la terglobo kaj akcelus la firmiĝon de la paco, esprimis la deziron, ke la helplingvo E, kiu elmontris sian taŭgecon de pli ol 40 jaroj, estu de nun instruata en ĉiuj eksterlernejaj kursoj, kaj poste enkondukota laŭgrade en ĉiujn unuagradajn, duagradajn kaj teknikajn lernejojn.“

„Le Phare de l'Espéranto“-Sisteron, II. 1935.




**Adreso:** Esperanto-Centro Itala, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano.

**Kongreskotizo:** Nur ĝis fino de aprilo Liroj 80 (fam. 48, jun. 32), poste 90 (54, 36) kaj fine L 100 (60, 40).

**Vojaĝo tra Italujo:** L 498.—.
**Krozado** de L 355.— ĝis 680.—.

Oni sin anoncu ĉe Int. E-Muzeo kaj sendu tuj la sumon por la kotizo, antaŭpagon por la „Vojaĝo tra Italujo“ kaj almenaŭ 200 L antaŭpagon por la „Krozado“. La restsumo devas esti pagata plej malfrue ĝis 20. de junio. Sendu la sumon en ŝilingoj al ni kaj ni transpagos sen malagrablaĵoj por vi en itala mono al Italujo. Sed vi samtempe devas alsendi kun la mono la pasporton, ĉar la koncernaj sumoj estos enskribataj en la pasporton.

**Antaŭkongresoj en Klagenfurt kaj Innsbruck.** Ĉiuj detaloj en la aprila numero, kiel ankaŭ la kostoj de la restado unutaga en Venezia.

**„Radioservo por Eksterlando“** de Int. E-Muzeo skribis al Ŝtatsekretariejo en Roma, por instigi ĝin al dissendoj en Esperanto. Alvenis jenaj leteroj:

Ŝtatsekretariejo
por la gazetaro kaj la propagando
Al la prezidanto de Int. Esp.-Muzeo, Vienna.
I/38-233 Roma, 8. I. 1935

Ni havas la honoron komuniki, ke via letero de la 20. de nov. 1934 estis transdonita al „Ente Italiano per le aŭsizioni Radiofoniche“, por ke oni studu la eblecon organizi Radio-komunikojn en la lingvoj itala kaj Esperanto, okaze de l' Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en Roma en aŭgusto 1935.

Ĝenerala direktoro por la propaganda fako.

*

24. I. 1935. DE/021 3

Re ponde al via siatempa letero al ŝtatsekretariejo por Gazetaro kaj Propagando, kiu estis al ni transdonata pro kompetenteco, ni havas la honoron, informi vin, ke kun ĉia probableco ni dissendos de niaj stacioj kelkajn informojn en Esperanto.

Tiuj dissendoj havos lokon en la semajnoj, kiuj antaŭiras la Universalan Kongreson de Esp., okazonta en Roma en la venonta aŭgusto 1935.

Kun la plej bonaj salutoj
Ente Italiano Audizioni Radiofoniche
La ĝenerala direktoro.

**Esperanto-Centro Itala** skribis al prez. Steiner: „Pri viaj klopodoj ĉe la italaj aŭtoritatoj en Roma al en Wien ni devas danki vin sincere, ili estis utilaj por decidigi la italan radiodirekcion dissendi novaĵojn pri la 27-a. 2. II. 1935.

# La Teknika Muzeo por Industrio kaj Metiaro en Wien.

De min. kons. inĝ. Viktor Schützenhofer, dir. de Teknika Muzeo.



Ĉefenirejo

Teknika Muzeo prezentas en siaj ekspozkolektaĵoj modelojn, naturgrandajn kopiojn de laborejoj, aparatojn por eksperimentoj kaj maŝinojn, kiuj parte estas movigeblaj. En ĝi estas montrata la kvoto de Aŭstrio je la fundamentoj, la evoluo kaj la nuna stato de ĉiuj branĉoj de la tekniko (metiaro, industria kaj trafika tekniko). Sed nia Teknika Muzeo ne nur per ĉi tiuj ekspozicioj, sed ankaŭ per gvidadoj, prelegoj kaj filmoj havas la tendencon, atentigi krom la popolklerigan celon ankaŭ ekonomi-prosperigan.

Ke Teknika Muzeo kapablas agi ekonomi-prosperige, rezultiĝas el tio, ke ĝi neniam devas esti nur kompleta kolekto de modeloj kaj ekspozaĵoj. Se ĝi estus tia, ĝi entute kontraŭus la karakteron de muzeo kaj speciale de Teknika Muzeo. Ĉiupaŝe la vizitanto havu la impreson, ke ankaŭ la nuna stato de la teknika mondo estas nur fazo al ĝia plua evoluo kaj ke temas, ekkoni la teknikajn farojn de la pasintaj epokoj, la labormetodojn, instalaĵojn kaj mondsignifon de la tekniko. Tiu ĉi montriĝu kiel vojpretiganto al novaj, pli altaj ŝtupoj de la civilizacio, kiel helpanto, donanta al la homaro la ilojn, per kiuj pli bona estonteco povas esti efektivigata.

La impona konstruaĵo de Teknika Muzeo troviĝas ĉe la nordlimo de la parktereno, en kies mezo situas la kastelo Schönbrunn. Oni eniras la antaŭhalon, portatan de kolonoj. Antaŭpaŝante inter la bustoj de Josef Ressel, la inventinto de la ŝip-helico — kiel korpiĝo de la elpensanta spirito — kaj de Karl Ghega, la konstruinto de la unua montar-fervojo — kiel korpiĝo de la efektiviganta volo —, la vizitanto atingas la mezan halon. En ĝi estas instalitaj la aparatoj kaj maŝinoj por ekspluato de la energio (muskolaj, ventaj, vaporaj kaj forbruligaj motoroj). Al tiuj ĉi objektoj la meza parto de l' muzeo estas rezervita tial, ĉar la sukceso de energi-transformado devas esti rigardata kiel unua premiso por ĉiu teknika progreso, eĉ de ĉiu teknika agado entute.

La maldekstra parto de la teretaĝo estas destinita al la prezentado de la mekaniko de l' trafiko sur stratoj kaj rel-vojoj. La tie ĉi starigitaj kolektoj de „Historia Muzeo de la Aŭstria Fervojaro" montras al la vizitanto la evoluon de tiu ĉi trafikilo sur la teritorio de la iama Habsburg-a monarkio, montras al li vapor- kaj elektrolokomotivojn sur la reloj de la nova Aŭstrio kaj ties gravecon por komerco kaj fremdultrafiko. Pluen irante oni venas al la ekspoziciaĵoj pri ŝipveturado, al kiu viciĝas en la unua etaĝo la prezentado de la aviado.

En la dekstra parto de la teretaĝo vasta loko estas rezervita al la grupo „elektro-tekniko kaj energi-ekonomio", konforme al ĝia graveco en la nuna tekniko. Alviciĝas nun la grupoj: prilaborado de metaloj kaj ligno, min-ekspluato kaj metalurgio. Speciale interesas ĉi tie la rigardanton vico da historiaj laborejoj, kies instalaĵoj — savitaj el antaŭaj epokoj — dokumentas la altan nivelon de l' tekniko en Malnov-Aŭstrio. Enirebla modelo de karbo-minejo peras al la vizitanto jenajn impresojn, kiujn li nur povus ricevi vizitante tiajn funkciantajn instalaĵojn.



Historia Fervoj-Muzeo.

En la unua etaĝo oni povas rigardi diversajn modelojn, kiuj komprenigas la elementajn konojn de la fiziko; sekvas ekspozaĵoj de industrioj kemiaj kaj multobligaj, de la vestiga industrio kaj konstruarto. En la plej supra etaĝo trovis lokon: la grupo „protekto kontraŭ akcidentoj, akvoprovizado, ponto-konstruado, muziktekniko, inform-trafiko kaj la poŝta muzeo.

La kolektaĵoj de l' instituto estas ĉiutage rigardeblaj. Sabate ptgm., dimanĉe kaj merkrede atgm. la vizito



„Sorĉista kuirejo"

estas sen gvidado. Je ĉiuj ceteraj dumtagoj okazas duhoraj gvidadoj flanke de spertaj fakuloj. Laŭdezire estos aranĝataj post antaŭa sinanonco specialaj gvidadoj, por ebligi pli intensan studon de la teknika fako. Merkrede atgm. estas la vizito nur por junaj lernantoj; tiam ankaŭ okazas lerneja film-prezentado, kiu ĉiam vekas entuziasmon ĉe la junuaro.

Ankaŭ sabate ptgm. kaj la dimanĉan atgm. okazas tiaj film-prezentadoj, sed por plenkreskuloj, kiel kompletigo de la vidita teknika kolektaĵaro. La belega salonego estas ekipita per projekci-aparato kaj instalaĵo por mutaj kaj sonfilm-prezentadoj. La celo de la montritaj lumbildoj kaj filmoj ĉefe estas, montri la funkcion de la grandaj uzinoj kaj imponaj teknikaj entreprenoj de l' eksterlando. Fakuloj de teknikaj altlernejoj, el la sferoj de l' industrio kaj sciencistaro, havas okazon plenumi vere popolklerigan laboron de sur la oratora pupitro de Teknika Muzeo. Trad F. Vasta



## Traduk-ekzerco.

Niaj abonantoj bonvolu sendi la tradukaĵojn ĝis 25. de l' monato al AE sub koverto kun la surskribo „Konkurso". La nomon ne skribu sur la manuskripton sed aparte sur papereton.

La juĝantaro (d-ro E. Pfeffer, reg. kons. F. Stengel kaj E. Werner) ricevos la tradukaĵojn sen la nomoj

**Premioj:** 1. „Legendoj" de A. Niemojewski, 2. Fritz Stengel „E-Sprechübungen", 3. Originalstenografio por E (Sist. Brabbée).

La nomoj de la gajnintoj estos publikigataj kune kun la plej bona tradukaĵo.

### Der gerechte Richter.

(Chinesische Anekdote.)

Ein bestechlicher Richter pflegte immer ein paar Tage vor einem Prozeßtermin mit jeder der beiden beteiligten Parteien „Rücksprache" zu nehmen. Wieder sollte ein Prozeß stattfinden, und der Richter hatte zuvor mit dem Kläger „Rücksprache" genommen. Sie bestand darin, daß ihm dieser fünfzig Silbertaels überreichte. Als der Beklagte dies hörte, schickte er dem Richter hundert Silbertaels. Beim Termin schritt der Richter sogleich zur Urteilsverkündigung, und zwar erklärte er den Kläger für schuldig. Erschrocken hielt dieser dem Richter seine Hand mit gespreizten fünf Fingern entgegen und rief: „Ich habe recht!" Aber der Richter hob seinerseits beide Hände mit gespreizten Fingern in die Höhe und schrie: „Schweig, elender Schurke, der andere hat doppelt recht."

Jen la plej bona traduko, kiun ni ne povis premii, ĉar la tradukinto ne estas nia abonanto.

### Ĉina anekdoto.

### Ĝenantaj najbaroj.

Silentema libroamiko loĝis enmeze inter kuproforĝejo kaj feroforĝejo. Dum la tuta tago tondro frapadis liajn orelojn, la bruo de la forĝmarteloj el la proksimaj laborejoj kaj forrabis lian trankvilon. Ĉagrene li plurfoje komprenigis al siaj najbaroj, ke li preparus al ili luksan ĝojfestenon, se ili decidus elloĝiĝi. Iutage ili venis kaj komunikis al li, ke ili intencas plej baldaŭ transloĝiĝi kaj permesas al si memorigi lin pri lia promeso. Grandĝoje la alia pretigis solenan festenon kaj invitis ambaŭ siajn najbarojn. Post kiam la du sufiĉe sin regalis je manĝaĵoj kaj trinkaĵoj li ĝentile ilin demandis: „Kaj kien vi intencas loĝiĝi?" Je tio ili gaje respondis: „Li loĝiĝas en mian loĝejon kaj mi en lian."

La 1. premion ricevis stud. gymn. Ernst Sattmann, 2. lernejdir. e. p. Edmund Dittrich, 3 ofic. adj. A. Schwinghakl, Klagenfurt.

Krome alvenis tradukoj de niaj abonantoj: Lya Russmayr, Strasswalchen, „Fero kaj kupro", Marie Erard, E. Pfeifer, Innsbruck.

**Por la Wien-aj s-anoj estas aldonita alvoko koncerne la „E-hejmon".**

**Al demandoj bonvolu ĉiam aldoni respondafrankon.**

## Nia bela Aŭstrio.

Sur romantikaj montkonusoj elstaras super riveret-tramuĝataj intermontoj kaj kampo-plugitaj rondvaloj enmeze de belegaj arbaregoj la multaj burgoj, kasteloj kaj ruinoj, kiuj donis al la lando ĝian belsonan nomon: Burgenland.

Je la malsuproj de tiuj burgoj, alpremitaj al la kastelmontoj kiel hirundnestoj ĉe la ŝirmanta dommuro, en ĉarma domaro loĝas la posteuloj de la germanaj kamparanoj, kiuj antaŭ multaj jarcentoj enmigris el Bavarujo kaj Ŝvabujo.

Tia loko estas Lokkenhaus, per trajno aŭ aŭtobuso facile atingebla, ŝatata kiel malmultekosta kaj multe donanta somer-restadejo. La pli nova parto de la kastelo el la 17. jc. enhavas vidindan muzeon, kiu ampleksas preskaŭ la tutan birdaron de Hungarujo; la plej malnova parto estas konservita kiel ruino. La gotika kavalirsalonego, la interna korto estas ŝatataj motivoj por fotografistoj.



Lockenhaus

1200 loĝantojn havas Lockenhaus, en kies mezo staras unu el la plej grandaj preĝejoj de la lando kaj al ĝi alkonstruita monaĥejo, nun princa Eszterhazy-kastelo. Raimund Sassik

## Joko estas konvertata.

De Karl Hans Strobl.

Doktoro Karl Hans Strobl naskiĝis la 18. de jan 1877 en Iglau. Eminenta poeto kaj verkisto, kreiĝoja kaj sperta en ĉiuj formoj de literaturo, produktriĉa je lirikaj poeziaĵoj, romanoj, noveloj kaj skizoj. Strobl estas internacie konata per siaj verkoj „Goja", „La leona vizaĝo", „La Flamender de Prag", „La Madono kun la braceleto" kaj „Kamarado Viktoria".

„Estas tamen tre domaĝe pro la belega besto", diris doktoro Linnemann kaj kun bedaŭro ŝancelis per sia kapo.

Direktoro Van Troop deprenis sian panamo-ĉapelon kaj ventumis al si aeron: „Jes, sed." li kontraŭdiris „pretepasas neniu tago, en kiu mi ne ricevas pro ĝi duonan dekduon da leteroj. Antaŭhieraŭ la prezidanto de la societo por plibonigo de l' publika moralo estis ĉe mi kaj plendis. Kaj la artikolon en 'Nederlandsch Kurier' vi ja legis.

Direktoro Van Troop kaj lia asistanto doktoro Linnemann staris antaŭ la kaĝo de l' papagoj en la Rotterdam-a bestĝardeno, kaj ene sidis „Joko" en sia apartaĵo kaj aŭskultis. Ĝi stoike balanciĝis en sia ringo kaj alrigardis ambaŭ sinjorojn kun klinita kapo. Nun ĝi palpebrumis, hirtigis la plumojn kaj enmiksiĝis en la paroladon.

„Iru for, ci porko", ĝi diris.

„Jen, aŭskultu ĝin nur", aldonis Van Troop, „maristoj entute ja ŝatas iom pli fortan esprimmanieron; sed kion la kapitano, de kiu ni aĉetis „Jokon", eble blasfemis kaj insultis la tutan tagon, tio jam fakte ŝajnas esti estinta tro multe".

„Sed ekzistas multo da homoj, kiu ĝuste en tiu trovas plezuron. Eble ĝi estas la plej populara birdo en Tuteŭropo".

„Joko" estis forlasinta la ringon kaj gimnastikis transen al la sidstangeto. Malkontente ĝi palpebrumis kaj levis alterne unu piedon post la alia. „Fermu cian buŝegon, ci kanajlo!"

„Do, jen", ĝemegis malespere la direktoro, „nur aŭskultu ĝin".

„Mi tute ne estas ofendita", ridis Linnemann, „flanke de Joko mi ĉion toleros".

„Jes, vi... sed ĉu la moralo? Kiam



Red.: Erika Linz, Wolfpassing

Pli **facila speco de sorĉado:** La sorĉisto eliru kaj lia kunulo interkonsentu kun la ĉeestantoj pri poste tuŝota objekto en la ĉambro. Iu el la ĉeestantoj blindigas la revokitan sorĉiston per tuko kaj la kunulo demandas lin: Ĉu vi vidas la fenestron?", „Jes", „Ĉu la tapiŝon?", „Jes" ktp. La sorĉisto bone aŭskultu, ĝis venas objekto, kiu havas kvar piedojn aŭ radojn, ekzemple seĝo aŭ infanveturilo, ĉar tio estas por li la atentigilo, ke la kunulo nomos tuj poste la objekton, kiun li poste tuŝos. Venas ankoraŭ kelkaj nomitaj objektoj, kiujn li nature ankaŭ ĉiujn „vidas", sed kiuj lin absolute ne plu interesas. Li nur memortenu bone la objekton nomitan post la kvarpiedulo kaj nomu ĝin post la demando: „Kiun mi nun tuŝas?"




Red. reg. kons. Fr. Stengel.

**Klereco.**

Sinjoro direktoro, kion oni ludos hodiaŭ en la teatro?

Hamleton.

Ĉu tiel malnovan teatraĵon? Jam antaŭ kvin jaroj mi vidis ĝin en Berlin.

(Nebelspalter)

**En la lernejo.**

Knabo, vi ne bone solvis ĉi tiun aritmetikan problemon. Ĉu vi ne vidas, ke mankas tri centimoj? Solvu ĝin denove!

Sinjoro instruisto, mi prefere pagas la diferencon.

**Sunleviĝo.**

Vere admirinda estas ĉi tiu sunleviĝo! Domaĝe, ke mi ne havas tempon, ĉar dum la tuta tago mi restus ĉi tie por rigardi ĝin.

**Delikate.**

Sed kara fraŭlino, ŝajnas, ke vi rigardas min kiel friponon!

Ho tute ne, sinjoro! Mi ne kutimas juĝi laŭ la eksteraĵo! (Tit Bits)





Red. Karl Haager.

**Ŝanĝenigmo.**

B E R N
. . . .
. . . .
M A N O

En ĉiu linio oni ŝanĝu po unu literon, sed ĉiun nur unufoje.

**Solvo el n-ro 2.**

„Kiu mensogis per unu vorto, ne trovos kredon ĝis la morto."

## Korespondado

**Mallongigoj:** P=pkarto, l=letero, il=ilustrita, bf=bildflanke, PM=poŝtmarko.

**Ŝiauliai,** Litovio. Soc. Esp. kor. Esperantininku D-ja, Dvaro 86

**Hamilton,** Nov-Zelando. Kor. l, il. pk. G. L. Pivaĉ, 316 Victoria st.

**Casale Monferrato,** Italujo. Pm. Leporati Luigi, Corso Acqui 13 kaj Banfo Giuseppe, Via Trieste 16.

**Alagoinhas,** Bahia. Brazilio, Ameriko. F-ino Maria Arlinda, Praca Ruy Barposa. PM.

**Ise Ueno,** Mil., Japanujo. S-ro Shinjori Niwa. kor. kun instruistinoj.



## Aŭstria Esperanto-Asocio

Wien I. Neue Burg, Heldenplatz

### Esperanto-ekzamenoj.

La ekzamenoj komenciĝos la 1 de aprilo je la 8 h skribe en Bundes-Lehrerinnenbildungsanstalt, Wien I. Hegelg. 14. La koncernaj petskriboj por allaso al la ekzamenoj (kun stampo da 1 ŝ) estas direktotaj ĝis plej malfrue la 15. de marto al „Direktion der Prüfungskommission", Wien I. Dr. Ignaz Seipel-Ring 1. La taksoj por instrukapableco (20 ŝ) kaj scipovo (10 ŝ) estas pagotaj antaŭ la ekzameno mem.

La instrukcio por la ekzamenoj kun la listo de la bezonata legaĵaro estas ricevebla por ŝ 3.10 pere de via librovendejo.

### La unuaj seriokursoj.

Senbrue ni komencis agadon por disvastigi E-on en nia lando. La movado ne povas resti koncentrigata en kelkaj grandaj urboj, tial ni devas ataki la malgrandajn lokojn pro aranĝo de E-kursoj

Al la senlaca laboro de nia propagandestro R. Ulbrich ni dankas, ke la unuan fojon seriokursoj komenciĝis en Lambach, Schwanenstadt, Attnang, Vöcklabruck, Gmunden kaj Ebensee. Senlabora s-ano, iama ALLE-ano Johann Schwarz el Petrifeld anoncis sin ĉe mi kiel kursgvidonto kaj mi akceptis lin, per tio donante al li viveblecon kaj dankindan agadkampon.

Li instruas ĉiutage en alia loko kaj partoprenas 87 personoj (dank al la laboro de R. Ulbrich kaj Lya Russmayr), konsiderinda nombro, se oni pripensas, ke la kursoj komenciĝis nur en februaro, post tre mallonga prepartempo.

Plej sukcesa estis la aranĝo en Vöcklabruck (19 p), helpantino Brünne Fohler; Gmunden (14 p.), helpantino Hölzl kaj Ebensee (14 p.), kie s-ano Heissl efike helpis kaj akceptis la instruanton. En Schwanenstadt-urbo kurso ne estis ebla, sed en la tendaro de „Libervola laborservo" 27 frekventas kurson, kiun ankaŭ partoprenas inĝ Gottwald.

Per tiuj kursoj ni fondu ĉelojn por nia movado. Ni intencas aranĝi por la aŭtuno, ke en ĉiu liglando almenaŭ unu instruisto gvidu en du periodoj (okt.—fine de januaro kaj februaro—junio 1935/36) en po 6 lokoj E-kursojn.

1. sin anoncu personoj, kiuj deziras kaj kapablas gvidi tiajn kursojn.

ĉiu nun fariĝis tiel pruda. Ĝi kaŭzas ŝokon . . . ĝi ja vere estas publika skandalo; ĝi devas for".

„Vi povas min . . . ", kriaĉis „Joko" kaj finis per tio siaflanke la konversacion.

Certe; ĝi estis la plej bela papago, kiun oni povis renkonti, ĉiuj koloroj de la ĉiel-arko estis kolektitaj en ĝia plumaro kaj malofte papago regis la homan lingvon tiel perfekte kaj klare. Sed la edukado, kiun li estis ricevinta de sia antaŭa posedanto, estis tomete unuflanka. Kaj kiam oni vidis la interpremadon de la publiko antaŭ ĝia kaĝo kaj la senpaciencon, kun kiu ĝiaj manifestadoj estis atenditaj, kaj aŭdis la hura, kiu salutis ĝiajn fortajn, malnoblajn eldirojn, oni devis konsenti, ke ĝi fakte estis kvazaŭ flugilhava publika skandalo. Precipe por la junularo, kiu entuziasme ĝin ŝatis, ĝi ŝajnis esti kvazaŭ alt- kaj faklernejo por insultado kaj blasfemado kaj la elirpunkto de bedaŭrinda krudiĝo de la kondutmanieroj.

Laŭ morala vidpunkto do estis tute pravigite, se la direktorio de la Rotterdam-a bestĝardeno presigis en la plej legataj gazetoj jenan anoncon: la papago joko estas prezinde vendebla al prizorga persono.

„Private ĝi tiam ja povos blasfemi kiom ĝi volas", diris Van Troop.

Sed tion li ne estis imaginta, ke nun tia torento da proponoj superŝutus lin. Per ĉiu poŝto alvenis granda kvanto da leteroj kun aĉetproponoj por Joko. Devis esti jam tre diskreditita la ŝatado de bonmora esprimmaniero, se tia kanajlo kiel Joko havis tiom da amikoj kaj admirantoj.

„Ĝis hodiaŭ alvenis jam pli ol kvincento da leteroj", ĝemegis Van Troop, „jen vidu, Linnemann, Mijnheer Svantjekop ofertas 200 guldenojn".

Sed Miss Edith Forest eĉ venis persone por doni plian impreson al sia celado. „Mi estas posedantino de edukejo", ŝi diris, „kaj devas konfesi, ke mi pasie ŝatas mian profesion. Mi povas konstati la plej bonajn rezultojn kaj mi sukcesis jam en vere senesperaj kazoj, rekonduki erarpekintajn

